4/96

# Internacia Ĵurnalisto

organo de TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

# Eble jen vi ricevas la lastan numeron de nia fakrevuo...

## Membrokunveno kun malagrabla surprizo: la kaso de TEĴA estas malplena

**Dum la membrokunveno de TEĴA, la 22an de julio 1996, kadre de l' 81a Universala Kongreso de Esperanto en Prago, la estraro devis konfesi, ke la kaso de l' asocio estas malplena. Ke tio havas malagrablajn konsekvencojn, ne povas mirigi.**

Pri kialoj de tiu ĉi eble iom surpriza situacio kaj la koncernaj decidoj, detale vi povas legi sur la sekvaj paĝoj. Jen la plej gravaj faktoj:

- el la enskribitaj ĉ. 130 membroj nur 80 rekotizis en 1996;
- el tiuj 80 pagintoj nur parto estas okcidentanoj kun plena kotizo;
- la abonkampanjo por nia revuo alportis neniun novan abonanton;
- TEĴA sukcesis repagi siajn ŝuldojn per antaŭaj mondonacoj, sed en 1996 ne plu venis donacoj;
- sekve – post apero de IĴ 3/96 – la kaso de l' asocio estas malplena, tiel ke eĉ n-ro 4/96 ne plu povus aperi.

### Sekve la membrokunveno decidis:

- rezigni pri plua aperigo de *Internacia Ĵurnalisto* en la nuna formo;
- anstataŭe ekde 1997 aperos du cirkuleroj kaj unu almanako (sub la titolo *Internacia Ĵurnalisto*) jare;
- konsekvence ni reduktas ekde 1997 la jaran membrokotizon al 20 germanaj markoj por okcidentaj landoj.

### Malkontento de kelkaj membroj - kaj starigo de fondaĵo...

Embaraso pri tiu ĉi malagrabla situacio sentiĝis jam en la membrokunveno, kaj post ĝi pluraj TEĴA-anoj esprimis sian fortan malkontenton pri malapero de „unu el la plej bonaj fakrevuoj". El diskutoj pri tio estiĝis starigo de savofondaĵo, kiu garantiu pluan aperon de la revuo; pri tio vidu alvokon sur paĝo 3 de tiu ĉi numero.

### Sed jen ankaŭ iom da sukceso en Prago...

Kontraste al la financa fiasko de TEĴA, la trejn-seminario, unuan fojon ofertitan dum UK, estis relative sukcesa. Krome ni povis distingi kvar partoprenintojn de l' perkoresponda kurso per diplomoj. Pri tio kaj aliaj ĵurnalistaj aferoj en Prago, ekzemple la kongresa kuriero (sube vi vidas ties kapon) bonvolu legi interne de tiu ĉi – ja eble lasta – numero.

**Pragaj Sonoriloj**

Matenaj, N-o 1

Paĝo



Tiun ĉi numeron de *Internacia Ĵurnalisto* donacas al vi Stefan MAUL kaj YAMASAKI Seikô

KOLOFONO

Internacia Ĵurnalisto

Organo de
Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA)
aperas maksimume 4foje jare
Redakcio: Stefan Maul, Pferseer Str. 15, D-86150 Augsburg, Germanio, ☎/fakso (49)821/520385
Redaktofino de tiu ĉi numero: 2 sep 96
Kopirajto ĉe Internacia Ĵurnalisto
Artikoloj signitaj prezentas la personan opinion de l' aŭtoroj kaj ne nepre kongruas kun la opinio de l' redakcio.
Administrado: Flandra Esperanto-Ligo (FEL), Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen, Belgio
Verantwoordelijke uitgever: Paul Peeraerts, Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen
Presata de Flandra Esperanto-Ligo sur mediprotekta papero.

ESTRARO DE TEĴA:
Prezidanto: Stefan MAUL, Pferseer Str. 15, D-86150 Augsburg, Germanio
Vicprezidanto: Paŭlo GUBBINS, 3 Arden Court, Mossley, Congleton, Cheshire CW12 3JH, Britio
Ĝenerala Sekretario/kasisto: YAMASAKI Seikô, Higasi Koigakubo 3-18-12, Kokubunzi, JP-185 Tôkyô, Japanio
Estraranoj:
Aleksander KORĴENKOV, p. k. 162, RUS-620014 Jekaterinburg - 14, Ruslando
Paul PEERAERTS, Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen, Belgio

ARBITRACIA KOMISIONO:
István ERTL, Andrzej PETTYN, László SZILVASI
LABORKOMISIONO pri trejnado de ĵurnalistoj: Estro P. Gubbins (adreso supre)
LABORKOMISIONO de radioĵurnalistoj: Estro Andrzej PETTYN, Skrytka pocztowa 46, PL-05-822 Milanówek, Pollando

LANDAJ SEKCIOJ:
Bulgara TEĴA-sekcio: Mariana EVLOGIEVA, PK 18, Drushba-2, BG-1582 Sofia
Japana TEĴA-sekcio: KÔRIYAMA Tisato, Nisihuna 2-2-13-201, JP273-Hunabasi, Japanio
Pola TEĴA-sekcio: Zofia BANET-FORNALOWA, ul. Bliska 12, PL-05-090 Raszyn
Ruslanda TEĴA-sekcio: Irina KIRINA, pk. 1833, RUS-625048 Tjumenj-48

Membrokotizo/abono: 20.00 germanaj markoj aŭ 13,50 usonaj dolaroj jare. Pagu al konto tejh-u ĉe FEL (adreso supre) aŭ al UEA-konto de TEĴA: ttmj-f

# Oficialaj komunikoj de la TEĴA-estraro

## Nova kotizo ekde 1997

Laŭ decido de la membrokunveno 1996, ekde la venonta jaro (1997) la baza membrokotizo por okcidentaj landoj estas 20 germanaj markoj aŭ egalvaloro (ekzemple 13,50 usonaj dolaroj). Baza kotizo por individuaj membroj en orienteŭropaj landoj kaj evolulandoj sen landaj sekcioj restas 5 germanaj markoj (3,50 usonaj dolaroj). Landaj sekcioj mem fiksas kotizojn por siaj membroj.

## Aperoritmo de nia fakrevuo ekde 1997

*Internacia Ĵurnalisto* transformiĝos al cirkulero kaj almanako sub sama titolo. Aperos du cirkuleroj kaj unu kajero de l' almanako jare; ties amplekso dependos de la financaj ebloj de la asocio.

## Savofondaĵo por ebligi pluan aperon de l' revuo

Kelkaj membroj starigis savofondaĵon de TEĴA, kiujn nutru mondonacoj (vidu alvokon sur paĝo 3). Ni petas tiujn okcidentanojn, kiuj kapablas, daŭre pagi 30 germanajn markojn jare anstataŭ la minimuman kotizon; la pluso de 10 germanaj markoj eniros la savofondaĵon. Normalaj numeroj de *Internacia Ĵurnalisto* estonte aperos, kiam en la fondaĵo troviĝas sufiĉe da mono – do IĴ ne plu havos regulan aperoritmon kiel ĝis nun.
Tiun ĉi numeron, cetere, varbcele ricevas ankaŭ tiuj membroj, kiuj ne pagis kotizon por 1996. Eble iuj el ili tamen emas ankoraŭ pagi...

## Nova kasisto

Ĝenerala sekretario YAMASAKI Seikô (adreso en la apuda kolofono) transprenis ankaŭ la funkcion de kasisto. Tial, ekzemple, por ricevi membrokarton, nun vi devas skribi al li, ne plu al Flandra E-Ligo.

---

## Adiaŭaj vortoj de l' redaktoro

*Okaze de l' provizora ĉeso de aperado de IĴ mi adiaŭas la (tro) malmultajn fidelajn legantojn kaj kelkajn fidelajn kunlaborintojn, precipe Bernard Golden, sen kies regulaj kontribuaĵoj ofte mi ne estus sciinta, kiel plenigi la 16 paĝojn de l' revuo. Dankon al li kaj pluraj aliaj, kiuj pli-malpli regule kontribuis.*
*Evidente mia celo kiel redaktoro, liveri altnivelan fakrevuon pri ĵurnalistiko (do la metio de ĵurnalistoj) kaj komunikad-scienco, estis tro reva kaj ambicia. Kvankam en nia mikrosocio esperantista estas centoj da geredaktoroj de bultenoj kaj gazetoj, ŝajne la plej granda parto de tiuj gekolegoj ne havas intereson pri vera ĵurnalismo kaj preferas vegetadi en diletanteco, bedaŭrinde tiom ofta en Esperantujo.*
*Kiel ajn - ĝis eventuala relegado en estonta almanako... Eble ni almenaŭ sukcesos, kolekti dum unu jaro tiom da kontribuaĵoj verkitaj de TEĴA-membroj, ke ni povos eldoni tian periodaĵon.*
*Sincere via Stefan Maul, redaktoro de IĴ*

## Vizitu hejmpaĝon kun rubriko pri TEĴA!

Eble interesos vin iam kontroli mian „hejm-paĝon". Mi enretigis paĝojn i. a. pri TEĴA, Monato kaj Barlaston. Mi ne estas absolute kontenta pri la paĝoj, sed temas almenaŭ pri komenco. Komprenèble oni povas iam ajn plibeligi kaj ĝisdatigi ĝin. Jen la adreso:

**http://ourworld.compuserve.com/homepages/PGubbins**

# Iom konfuza kunveno

## Embarasitaj membroj spitis malfondon de l' asocio

**„Kion mi tamen jes konstatis estas la vere malbona evoluo de la financoj. Mi supozas, ke plimalpli je tiu ĉi momento la kaso de TEĴA estas malplena. La pasintjara stipendio estas tute foruzita kaj supozeble ne restos mono por eldoni pliajn numerojn de IĴ ĉi-jare." Jen du ŝokaj frazoj en letero de la kasisto de nia asocio, kiu atingis prezidanton kaj ĝeneralan sekretarion malmultajn tagojn antaŭ forveturo al la 81a Universala Kongreso de Esperanto (UK) en Prago, Ĉeĥio. Tiu ĉi vere embarasa informo okupis plej grandan parton de l' membrokunveno kaj iom perturbis ĝin.**

Prezidanto Stefan Maul, nervoza (certe pro tiu ĉi financa fiasko de l' asocio), malfermis la kunvenon per atentigo, ke la kongresurbo Prago estas eminenta loko de ĵurnalismo – vidu lian malferman paroladeton aliloke en tiu ĉi numero. Li povis bonvenigi ĉiujn estraranojn escepte de la kasisto kaj kontentigan nombron de membroj, krome plurajn gastojn. (Detalojn vidu en la protokolo, aperanta ankaŭ ĉi-numere.)

**Malfondo aŭ kio?**

Post unuaj formalaĵoj rapide la kunveno atingis la kernon: la financan fiaskon de l' asocio, skizitan supre. La prezidanto konfesis, ke post ricevo de la ŝoka informo de l' kasisto, lia unua spontana reago estis: ni malfondu la asocion! Li rezonis tiel: Evidente ne ekzistas intereso de ĵurnalistoj, redaktoroj kaj verkantoj esperantistaj pri propra fakasocio, se el antaŭe 130 membroj nur ĉ. duono rekotizis en tiu ĉi jaro. Se fakasocio ne trovas subtenon de koncernaj fakuloj, ĝi estas superflua. Se pri ĝia fakrevuo – plej grava servo de l' asocio inter la membrokunvenoj – interesiĝas nek membroj (kion pruvas manko kaj de kontribuoj kaj de reagoj) nek aliaj esperantistoj (kiuj spite al ampleksa varbkampanjo en multaj E-gazetoj ne abonas ĝin), ne havas sencon daŭre eldoni revuon. Evidente, krome, eldoni veran revuon por nur 80 membroj estas lukso nepravigebla; eldonkvanto de presita revuo estu minimume 200 ekzempleroj. Antaŭ tia defio, sola realisma decido do povas esti malfondo.

La prezidanto raportis, ke komprenble en estrarkunsido antaŭ la membrokunveno oni detale diskutis tiun ĉi hontigan situacion, ke tamen neniu alia el la ĉeestantaj estraranoj volis akcepti la plej rigoran proponon, malfondi la asocion. Ĝenerala opinio estis, ke TEĴA devas trovi vojon, savi la ekziston de la fakasocio, tamen atingi ekvilibran financan situacion. Forta argumento estis, ke la perkorespondа trejnkurso de TEĴA estas eksterordinare sukcesa (kiel vi povis legi en IĴ 3/96), kaj ke malfondo de l' asocio havus konsekvencon,

ALVOKO

Ni starigis

# savo-fondaĵon !

de TEĴA. Helpu per mondonacoj, garantii la pluan aperadon de

**Internacia Ĵurnalisto**

subskriboj:
Paul Gubbins
Ĵak Le Puil
YAMASAKI Seikô
Gilbert Ledon
ERTL István

**Nia fakorgano ekde 1997 povos aperi kiel ĝis nun – kvar numeroj jare kun 16 paĝoj – nur, se en la savofondaĵo kolektiĝas sufiĉe da mono por presado kaj ekspedado. Per la ordinaraj kotizoj TEĴA ne povas financi kvar numerojn jare. (Vidu pri tio en la rubriko „Oficialaj komunikoj de la TEAĴ-estraro".) Se ankaŭ vi volas garantii pluvivon de *Internacia Ĵurnalisto*, malavare donacu monon por nia savofondaĵo!**

UEA-konto de TEĴA estas ttmj-f.

**Unuaj mondonacoj por la savofondaĵo:**

**Gilbert Ledon: 100 usonaj dolaroj; YAMASAKI Seikô kaj Stefan Maul pagis po duonon de l' kosto de n-ro 4/96.**

nuligi ankaŭ tiun ĉi kurson, kio seniluziigus dekojn da kursanoj.

**Propono de la estraro**

Do la estraro proponis al la kunveno jenan solvon de la problemoj:
• TEĴA rezignas pri sia fakrevuo en la ĝisa formo; laŭ la statuto eblas aperigi ĝin malpli ofte kaj en ajna amplekso.
• TEĴA aperigos ekde 1997 nur du cirkulerojn kaj unu almanakon jare, sub la titolo *Internacia Ĵurnalisto*. En la cirkuleroj kun amplekso de 1 aŭ 2 paĝoj A4 aperos precipe oficialaj informoj de l' asocio, en la almanko fakaj artikoloj kaj kontribuaĵoj, kiajn ĝis nun enhavis la revuo *Internacia Ĵurnalisto*. Amplekson destinu la financaj kapacitoj de l' asocio.
• La kotizo por individuoj en neokcidentaj landoj restos 5 germanaj markoj; tieaj landaj asocioj kiel ĝis nun mem fiksu siajn kotizojn. Por okcidentaj landoj TEĴA reduktas la kotizon al sumo, kiu ebligas pluekziston de la asocio kaj eldonon de cirkuleroj kaj almanako.

**Vigla diskuto**

Sekvis vigla diskuto kun plej diversaj argumentoj. Marjorie Boulton ekzemple parolis pri „saĝa" propono de la estraro. Aliaj ja tre bedaŭris la situacion, sed preferis la proponon de la estraro al la plej rigora konsekvenco de malfondo. Iuj esprimis la esperon, ke surbaze de tia pluekzisto la asocio povos finance solidiĝi kaj reveni al aperigo de vera revuo. Kelkaj tamen prognozis, ke tia redukto de aktivaĵoj kondukos al morto de TEĴA. Eĉ leviĝis postuloj, ne redukti sed altigi la kotizon por okcidentaj membroj, ĉar – kiel oni argumentis – por tiuj TEĴA-anoj ne gravas, ĉu ili pagas 30 germanajn markojn aŭ pli aŭ malpli multe. Aliaj avertis, ke laŭsperte malpli alta kotizo ne allogos pli da homoj membriĝi.
La prezidanto menciis en la diskuto kroman ideon, proponitan de TEĴA-membro: aperigi la fakrevuon en ekzistanta E-gazeto. Sed li aldonis, ke la estraro ne favoras tiun ĉi proponon, ĉar la asocio restu sendpenda. Tiun opinion evidente havis ankaŭ la plimulto de diskutantoj. Fine de iom konfuza debato, la membrokunveno tamen revenis al la origina propono de la estraro kaj per plimulto akceptis ĝin.
La prezidanto levis la demandon, ĉu estas honeste, ne aperigi numeron 4/96 kaj tiel trompi pagintojn. Sed plimulto de l' kunvenintoj opiniis, ke la situacio ne permesas alian decidon, kaj ke la membroj komprenos tion.

**Gratulon al japanoj!**

Post tiom da malagrablaĵoj, en la membrokunveno aperis pluraj

---

## Malferma paroladeto
**de prezidanto Stefan Maul**

Estimataj gekolegoj kaj gastoj,
karaj geamikoj,

ke Prago estas kulturtrezoro multfaceta, tion ni scias. Sed eble estas malpli konate, ke tiu ĉi urbo estas ankaŭ eminenta ĵurnalisma loko. Tie ĉi, kie kunpuŝiĝis kaj reciproke influis sin kulturoj ĉeĥa, juda kaj germana, ofte kaj multe ankaŭ floris ĵurnalismo.
Mi volas mencii nur unu faman gazeton, *Prager Tagblatt*; la germanlingva ĵurnalo aperis de 1875 ĝis 1939 kaj estis legata en tuta Eŭropo. En la fondojaro la loĝantaro de Prago estis preskaŭ duone germanlingva. Laŭvorta traduko de l' titolo estas *Praga Tagfolio*; en germana lingvo folio estas sinonimo de gazeto. Fama ĝi estis ne nur pro demokrateco, liberaleco kaj progresemo, sed ankaŭ pro famaj verkistoj kaj ĵurnalistoj.
En *Prager Tagblatt* kunlaboris ekzemple Franz Kafka, Franz Werfel [Verfel] kaj la fama „rapidega raportisto" Egon Erwin Kisch [Ervin Kiŝ]. Pri tiu vere kultura valoraĵo diris alia verkisto, Friedrich Torberg [Fridriĥ]: „Neniam mi renkontis ankoraŭfoje sur tiom malgranda spaco tiom grandan nombron da kuriozuloj kaj originaluloj, neniam tian unikan etoson, miksitan el sprito kaj vero, el talento kaj kapablo."
Ne nur ĉar precipe judaj verkistoj kunlaboris en Prager Tagblatt, sed kompreneble ankaŭ pro ĝia karaktero de liberala kaj demokrata ĵurnalo, Adolf Hitler tuj post la uzurpo de Ĉeĥio en 1939 murdis ĝin.
Nu, se la kongresa temo demandas pri kulturo, ĉu ĝi estas valoro aŭ varo kaj se poste en nia kunveno ni traktos la specifan demandon pri kultura valoro de gazetaro, jen ni havas eminentan ekzemplon de kultura valoraĵo ĵurnalisma, kies intelektan kaj profesian nivelon certe neniu moderna amas-komunikilo atingas.
Memkritike ni poste demandu nin, kia estas la situacio de l' esperantlingva gazetaro. Sed unue ni devas trakti la formalajn aferojn, kiel tion postulas la statuto. Do mi malfermas la ĉi-jaran membrokunvenon de TEĴA kaj ĝojas, ke tiom multnombre vi ĉeestas. Aparte mi salutas la plurajn gastojn, kiujn mi tamen devas atentigi, ke kompreneble vi ne rajtas voĉdoni en la kunveno. Sed precipe la gastojn mi ankaŭ volas atentigi pri la seminario de ptraktikaj ekzercoj, kiun TEĴA ofertas hodiaŭ posttagmeze. Partoprenintе ĝin, probable vi ne tuj povos konkurenci kun *Prager Tagblatt*, sed eble estos sur bona vojo al tiu celo.



*Aventura vivo kondukis lin kiel komunistan raportiston tra l' tuta mondo: rapidega raportisto Egon Erwin Kisch.*

esperigaj eroj. Unu el ili estis aprobo de nove starigita landa sekcio de TEĴA. Ĝenerala sekretario YAMASAKI Seikô povis komuniki, ke en Japanio li sukcesis fondi sekcion, kio provokis esperon de l' prezidanto de TEĴA, ke riĉaj japanoj eble finance savos la asocion... La kunveno per aklamo ĝoje aprobis la novan landan sekcion – la kvaran.
Pozitivajn reagojn, kompreneble, rikoltis ankaŭ vicprezidanto Paul Gubbins per sia raporto pri la vere grandioza sukceso de nia perkoresponda kurso, kiun volas partopreni tiom da homoj, ke TEĴA falis en veran marĉon, ĉar la asocio ne povas disponigi sufiĉe da docentoj por kontentigi la bezonon.

**Gratulon al diplomitoj!**

Spite al tio, TEĴA povis distingi jam la kvar unuajn kursanojn, kiuj kun bona sukceso trapasis la ekzamenojn. Prezidanto S. Maul povis persone transdoni la diplomojn al la ĉeestantaj sukcesintoj Roland Rotsaert (Belgio) kaj Gilbert Ledon (Brazilo), kiuj ambaŭ konfirmis, ke ili multe profitis per la kurso.
Fine la membrokunveno detale diskutis la planon, en elektronika reto establi iuspecan inform-agentejon movadan – vidu pri ĝi apartan raporton en tiu ĉi numero. Oni komisiis laborgrupon, esplori la aferon kaj fari konkretajn proponojn. (La sama temo en posta kongrestago ludis gravan rolon en kunveno de redaktoroj, kiun kunvokis Michaela Lipari, estraranino de Universala Esperanto-Asocio.)
Agrablan perspektivon alportis ankaŭ raporto de estrarano Aleksander Korjenkov, kiu povis komuniki ke jam li komencis eklabori pri fakterminaro laŭ decido farita en 1995 en Tampereo.

**Mankis tempo por ĉeftemo**

La estraro estis planinta, rapide plenumi la formalajn procedurojn de la tagordo kaj lasi relative multan tempon por diskuti subtemon de la kongresa temo. Preparitaj kaj disdonitaj en la kunveno tezoj pri „Kultura valoro de l' varo gazetaro“ bedaŭrinde ne plu povis esti traktataj, ĉar la plej grava problemo de l' asocio, la financa, okupis tro grandan parton de la disponebla tempo. Tial la prezidanto petis la kunvenintojn, kunporti hejmen la folion kun la tezoj kaj sendi poste siajn komentojn. Por ke ankaŭ tiuj membroj, kiuj ne povis ĉeesti en Prago, havu okazon esprimi siajn opiniojn, ni aperigas tiujn tezojn en tiu ĉi numero. Bonvolu do skribi pri la temo al la redaktoro, esperante ke tamen jen kaj jen aperos ne nur la almanako sed eble eĉ nia revuo...

**Protestoj postfestaj**

Ĉar la membrokunveno okazis frue en la kongres-semajno – lundon – kaj ĉar la informo pri la financa mizero de TEĴA surprizis kaj ŝokis, evidente, multajn membrojn, dum la postaj kongrestagoj pluraj gekolegoj alparolis la prezidanton, esprimante siajn malkontenton, proteston, ja eĉ honton, ke ĝuste la fakasocio de ĵurnalistoj ne kapablas daŭre eldoni fakrevuon. Kaj jen estiĝis la ideo, starigi „savofondaĵon“ por garantii la pluan aperigon de *Internacia Ĵurnalisto* en la ĝis nun kutima maniero. Estis brazila membro Gilbert Ledon, kiu spontane donacis tiucele 100 usonajn dolarojn – sekvis aliaj, kiuj subtenis la ideon de fondaĵo per personaj subskriboj de koncerna alvoko.
Ni vidu, ĉu tiaj postfestaj protestoj transformiĝos en realan ŝancon plueldoni la fakrevuon. Se ankaŭ vi emas protesti kontraŭ malapero de IĴ, helpu per malavaraj donacoj por la savofondaĵo. Eble ja TEĴA tamen povas permesi al si la lukson, eldoni revuon por malmultaj membroj – aŭ eble vi helpos per varbado de pliaj membroj plivastigi nian financan bazon. En la supre menciita kunveno de redaktoroj de E-gazetoj, kunvokita de UEA, nur parto de la ĉeestintoj estis TEĴA-anoj.

☆☆☆

Ĝenerala sekretario kaj prezidanto en posta kunsido fine decidis, pagi el propraj poŝoj numeron 4/96 de *Internacia Ĵurnalisto*. Ili argumentis, ke ja raportoj kaj klarigoj pri eventoj kaj decidoj en Prago estus tro ampleksaj por simpla cirkulero; la redaktoro krome jam havas pretan materialon, kiun oni ne forĵetu aŭ prokrastu ĝis neniutago. Kaj ili opinias, ke oni ne trompu tiujn membrojn, kiuj rekotizis fidante je kvar numeroj en 1996.

Stefan MAUL

# Kulturo: valoro aŭ varo?

## Kontribuoj al la kongresa temo de Prago

**Kvar TEĴA-membroj prelegetis dufoje pri la kongresa temo: Gvidanto estis Ĵak Le Puil; krome sur la podio sidis Gilbert Ledon, Stefan Maul kaj YAMASAKI Seikô. La tekstoj de ĉiuj prelegoj aperos en speciala numero de *La KancerKliniko*. Ni dokumentas tamen la unuan prelegeton de Maul, ĉar li parolis specife pri amaskomunikiloj. Krome ni aldonas la tezojn, kiuj rilatis al la kongresa temo sed ne povis esti diskutataj dum la membrokunveno de TEĴA.**

## Amaskomunikiloj kaj kulturo

Ne povas esti dubo, ke por disvastigo de kulturo gravan rolon ludas amas-komunikiloj. Ĉe la komenco de l' evoluo estis skribo kaj libroj; ili fariĝis la unuaj amas-komunikiloj, kiam pro multobliga presado eblis legi librojn ne nur en bibliotekoj, sed aĉeti ilin por si mem. Baldaŭ sekvis nova amas-komunikilo, la gazeto.
Ambaŭ – libro kaj gazeto – komence estis kulturaj valoraĵoj laŭ enhavo. Tamen ili ja estis ankaŭ varoj. Hodiaŭ ni devas renversi la prioritatojn: libroj, gazetoj, radiofonio, sondiskoj kaj son-kasetoj, ki-

no, televido kaj vidbendoj estas varoj. La merkaton de amas-komunikiloj regas potenca industrio, kiu volas kaj celas nenion alian ol vendi, vendi, vendi. La kultura valoro ne estas tiom grava, ja male: plej multan profiton tiu ĉi industrio akiras per malpli valoraj enhavoj, per distraj kaj amuzaj varoj.
Sed aliflanke ja estas klare, ke en perado de kulturaj valoroj ni ne povas rezigni pri amas-komunikiloj, se kulturo ne restu afero de intelektula elito. Same estas klare, ke amaskomunikiloj daŭre peradas kaj transportas kulturajn valorojn, ke ili plenumas tiun ĉi taskon. La demando estas, kiomgrade, kiomskale kaj en kia proporcio ili plenumas tiun ĉi devon.
Por iomete analizi la rolojn de l' diversaj amas-komunikiloj, ni devas distingi inter tiuj el ili, por kiuj oni devas peni, kaj la aliaj, kiujn oni komforte kaj simple povas uzi. Librojn, sondiskojn kaj vidbendojn oni devas aĉeti eksterdome, en iuj landoj ankaŭ gazetojn kaj revuojn oni povas nur parte aboni, sed ofte devas akiri en vendejoj aŭ surstrate. Por spekti filmon en kinejo, oni devas iri tien kaj aĉeti bileton.
Do, rilate al tiuj amas-komunikiloj la aĉetantoj mem respondecas pri enhavoj, kaj tiun ĉi merkaton regas la kutima principo de demando/ postulo kaj oferto. Se tro malmultaj klientoj aĉetas sondiskojn de klasika muziko, la kompanioj reagos kaj ne plu produktos ilin.
Tio ne validas por radiofonio kaj televido, kaj parte ne por gazetoj kaj precipe ĵurnaloj, kiujn homoj devas aboni pro plej diversaj kialoj, precipe por informiĝi pri sia ĉirkaŭo, politiko, ekonomio ktp. Ĉar tiuj amaskomunikiloj do venas rekte en la hejmon de l' kliento, la produktantoj havas pli grandan respondecon pri enhavoj: ili devas ne neglekti kulturajn valorojn en la vasta gamo de temoj. Certe, ankaŭ en tiu ĉi okazo validas la principo de demando kaj oferto, kiujn certagrade destinas la aĉetanto de varo, sed komfortemo kaj inklino de homoj, kiuj per simpla premo de butono havas plej diversajn buntajn bildojn sur televida ekrano, alportas la riskon ke malvenkas kulturaj valoroj inter la abundaj ofertoj.

El multaj observoj kaj esploroj ni scias, ke precipe la plej gravaj amas-komunikiloj, t. e. gazetaro, radiofonio kaj televido, tendencas al pli kaj pli primitivaj kaj subnivelaj enhavoj, kies kultura valoro estas preskaŭ aŭ tute nula. Tiun ĉi evoluon estigis televido, kaj reage al ties nivelofalo ankaŭ radio kaj gazetaro reduktis siajn kulturajn nivelojn. En la kadro de tiu ĉi prelegeto ne eblas, prezenti analizon. Se vi interesiĝas pri la temo, legu la artikolon „Degenero de komunikilo", kiun mi aperigis en *Monato* de septembro 1992. Krome, pri la tuta temaro aperis multaj artikoloj en *Internacia Ĵurnalisto*.
Pri unu el tiuj artikoloj mi volas aparte atentigi, ĉar ĝi traktas kroman gravan dimension de nia temo. Sub la titolo „Anstataŭ brando ni nun eksportas televizion" (*Internacia Ĵurnalisto* 2/95) germana Unesko-fakulo skurĝas okcidentajn landojn, kiuj superŝutas evolulandojn per televidaj tiel nomataj sapoperoj anstataŭ helpi en klerigado de la popoloj. La aŭtoro komparas tiun ĉi stultigon hodiaŭan kun eksporto de brando en koloniismaj tempoj, kiam oni provis stultigi kaj sklavigi la homojn per alkoholaĵo.
Por resumi mian mallongan prezenton de la problemo, kiu ja havas multajn facetojn:

- Amas-komunikiloj estas necesega rimedo por peradi kulturajn valorojn, sekve ili en si mem estas kulturaj valoraĵoj.
- Sed bedaŭrinde la tendenco estas, ke amas-komunikiloj pli kaj pli fariĝas nur varo, per kiu oni volas profiti.
- Sekve ili ne plenumas sian rolon kiel kultura varo en la dezirinda amplekso, ĉar ili grandparte nur amuzas kaj distras anstataŭ klerigi kaj kulturigi homojn.

# Kultura valoro de l' varo gazetaro

## Tezoj por diskutado

**1. La esperantlingvaj gazetoj dekomence estis principe ankaŭ kulturaj valoraĵoj.**
La lingvo internacia pro ties celo kaj interna ideo estas kultura valoro. Konsekvence ĉiu gazeto, kiu disvastigas tiun ĉi idealon, principe estas kulture valora.

**2. Esperantlingvaj gazetoj kontribuas al interŝanĝo de diversaj kulturoj.**
Ĉar gazetoj transportas kulturajn valoraĵojn de unu lando al aliaj, ili ludas gravan rolon en klerigo. Krome, en Esperanto-gazetoj tre ofte oni povas imformiĝi pri kulturoj de landoj, kiuj ĝenerale en la mondo ne estas rigardataj tiom gravaj.

**3. Ĉiam ekzistis specifaj kulturaj gazetoj en Esperanto.**
En la pli ol centjara historio de la lingvo internacia, kun malmultaj interrompoj, kutime aperis ankaŭ altnivelaj kulturaj kaj literaturaj revuoj. Aktuale ni povas mencii *La Ondo de Esperanto, Literatura Foiro* kaj *Fonto*, kiu ĵus ricevis la prestiĝan kulturpremion de FAME-fondaĵo.

**4. Fak-revuoj kontribuas al apartaj sekcioj de kulturo.**
Kiel ekzemplon ni povas mencii nian propran fakrevuon, *Internacia Ĵurnalisto*, kiu ekzemple enhavas ankaŭ artikolojn pri komunikad-scienco. Estus dezirinde, havi pli multajn fakrevuojn.

**5. Gazeto, kia estas *Monato*, eblas nur pere de Esperanto.**
*Monato*, internacia magazino sendependa por politiko, ekonomio kaj kulturo, estas bona ekzemplo por novtipa gazeto. Ĝian principon de tiel nomataj indiĝenaj aŭtoroj ne eblus realigi per iu ajn alia, nacia lingvo. Jen do kultura valoraĵo, kian povas krei nur la lingvo internacia.

**6. Esperanto-gazetoj estas principe ankaŭ varoj.**
Homoj devas aĉeti ilin kaj probable ne farus tion, se la varo ne alportus valoraĵon, des pli ke pro manko de reklam-enspezoj ili kutime estas tre kostaj.

Sed

**7. Ĉu vere ĉiuj Esperanto-gazetoj estas valoraj?**
Multaj el ili havas mankojn, jen pro enhavo banala, jen pro neprofesieca verkado, jen pro prezento ne tre estetika.

**8. Ĉu Esperanto-gazetoj eĉ estas lingve fuŝaj.**
Jen afero nekomprenebla: se la lingvo ja estas la baza materialo, per kiu laboras ĵurnalisto, kiel povas okazi, ke homoj kiuj ne perfekte regas la lingvon internacian, verkas kaj redaktas?

**9. Ĉu vere ĉiuj Esperanto-gazetoj estas varoj?**
Por esti vendata, varo devas esti laŭeble bona. Sed iuj Esperanto-gazetoj estas malbonaj kaj oni tamen aĉetas ilin, ekzemple ĉar la abonprezo estas pagata per membrokotizo.

☆☆☆

***Skribu vian opinion al la redakcio!***

---

KONGRESA KURIERO

# „La formato estis taŭga“

**„Nu skribu: la formato estas taŭga.“ Tion konsilis kolego en Prago, kiam mi demandis, kion skribi pri *tiu* kongresa kuriero...**




Kongresa kuriero, lundo, 22. 7. 1996

Finiĝis „Nia 62-a“

En la tagoj de la 13-a ĝis la 25-a de julio, en la kadro de la 81-a UK, +okazis en la praga hotelo Vltava jam la 62-a Internacia Kongreso de Blindaj Esperantistoj (IKBE). Ĝin partoprenis 95 personoj el 18 landoj de Eŭropo, Azio

*Nur ekde numero 5 aperis indiko pri la koncerna tago...*

Efektive, la formato A5 de *Pragaj Sonoriloj* estis praktika. Sed la resto...? Pri la enhavo ni ne kritiku tro multe, ĉar ĝi kompreneble grandparte dependas de kongresanoj, kiuj liveras raportetojn. Specialaĵo en Prago estis, ke la sonoriloj jen estis „matenaj“, jen „vesperaj“. Sed tion oni ne klarigis en la unua numero, tiel ke kongresanoj ne sciis, ke okaze ili povis preni numeron matene kaj vespere.

**Listo de mankoj**

Kiel ajn, ni kontentiĝu en nia kritiko pri la evidentaj mankoj de l' kongresa kuriero de Prago:
• Mankis kolofono kun indikoj pri respondeculoj – baza principo de ĉia periodaĵo.
• Mankis indiko pri redaktofino.
• Mankis informo, kie transdoni manuskriptojn.
• Mankis formularoj por raportoj en kongresa kuriero.
• Mankis leterkesto de l' kongresa kuriero ĉe la giĉeto „Informejo“ (kie oni trovis la ekzemplerojn aperintajn); raportantoj do mem devis eltrovi, kie sidas la redakcio, kaj iri tien.
• Nur en plej lastaj numeroj oni sciigis, kiu firmao subvenciis eldonon de l' kuriero – se mi estus tiu firmao, mi forte plendus, ke ne dekomence kaj en ĉiu numero aperas tia reklameto!
• Mankis rubriko kun mondaj novaĵoj kaj veter-prognozo.

**Perditaj manuskriptoj**

Plendoj de gekolegoj pri la kuriero estis precipe, ke tekstoj aperis aŭ tute ne aŭ tre malfrue. La aŭtoro de tiu ĉi raporto mem transdonis manuskripton pri la TEĴA-kunveno lundon posttagmeze. Kiam la ĝenerala sekretario poste demandis en la redaktejo pri la manuskripto, oni diris al li, ke tian oni ne ricevis. Posttaga dua demando kun atentigo, ke „mi persone transdonis la folion“, havis pozitivan rezulton: oni trovis la manuskripton. La raporteto tamen aperis nur en numero de ĵaŭda vespero.

Vicprezidanto de TEĴA, Paul Gubbins, komence de l' semajno mem kompostis per redakcia komputilo raporton pri la trejnkurso de nia asocio – ĝi ne aperis, aŭ eble aperis en numero, kiun la subskribinto ne sukcesis akiri, ĉar daŭre iuj numeroj estis elĉerpitaj...

**Konsiloj neglektitaj?**

Oni demandas sin, kial en Prago ni spertis supre skizitajn mankojn kaj fuŝojn, kvankam jam de 1992 ekzistas detala konsilaro pri kongresa kuriero, ellaborita de TEĴA kaj transdonita al UEA, kies „kunlaboranta“ fakasocio ĝi estas. Ŝajnas, ke kunlaboremo ekzistas nur niaflanke: Aŭ UEA ne transdonis al respondeculoj de l' kongresa kuriero la konsilaron, aŭ la teamo de la kuriero neglektis ilin. TEĴA povas nur proponi siajn servon, helpon kaj konsilon, sed se nek UEA nek LKK akceptas ilin – kial bombaste oni karaterizas nian fakasocion „kunlaboranta“?

**Gazetara servo**

Pri la gazetara servo ni ne havas klarajn informojn, ĉar nur jen kaj jen aperis noticoj pri ĝi en la kongresa kuriero. Pri la unua gazetara konferenco kun UEA-prezidanto oni tute ne raportis. Ĝi ne alportis sensacion, sed kutimajn stultajn demandojn de neesperantistaj geĵurnalistoj. Unu ekzemple demandis, kiuj ŝtatoj kaj kiuj profesioj plej multe kontraŭstaras Esperanton. UEA-prezidanto Lee prudente respondis, ke antaŭe en iuj landoj ĝi estis konsiderata kiel „danĝera lingvo“, sed ke nun – post fino de komunsima totalismo – neniu ŝtato kontraŭas la lingvon; same prudente li neglektis la demandon

pri profesioj... Sed jen, iu esperantistino sen iu ajn oficiala funkcio ne hezitis, korekti la prezidanton, asertante, ke lingvoinstruistoj kaj tradukistoj/interpretistoj estas „naturc" malamikoj de Esperanto!
Se la demandinta ĵurnalistino estis sagaca, ŝi el tio devus konkludi, ke ekzistas pli multaj malamikoj de Esperanto ol esperantistoj, ĉar instruistoj de fremdaj lingvoj kaj tradukistoj nombras je multaj milionoj, tutmonde, ĉu ne?
Menciindas ĉi-okaze, ke de multaj jaroj TEĴA disponigas ankaŭ kompendieton pri Esperanto por ĵurnalistoj (ĵus aperis ruslingva versio), kiu povus malhelpi stultajn demandojn dum gazetaraj konferencoj, se ĝustatempe antaŭ UK oni transdonas ĝin al enlandaj ĵurnalistoj. Pri ĉeĥlingva versio ni scias nenion. Sed, kiel dirite, se kunlaboremo ekzistas nur niaflanke... sm

KONGRESAJ SPERTOJ

## „Afero privata"

**Jen kelkaj observoj kaj komentoj de pola kongresano pri l' UK en Prago:**

• En interparolo kun ĉeĥa vendistino mi eksciis, ke pri la kongreso tieaj amaskomunikiloj praktike silentas – nenio miriga, se en la gazetara konferenco ties gvidantoj devis instigi ĵurnalistojn, ke tiuj entute demandu pri io ajn (rilate al Esperanto). Finfine ili formulis ĝentilajn, decajn demandojn kaj ankaŭ ricevis same ĝentilajn kaj decajn respondojn, kiel en la konata tempo de la „socialisma konstruado".

☆

En kunsido de radioamatoroj mi eksciis, ke estas planata kongresa radiostacio, sed poste mi havis problemojn trovi ĝin. En la kongresa informejo oni nenion sciis pri ĝia situo kaj oni „afable" informis min, ke la stacio estas „afero privata" de la radioamatoroj (cetere aliĝintaj al la kongreso). Iu kongresano proponis al mi retrovi redaktoron de Pola Radio, sinjoron Andrzej Pettyn [Andĵej Pettin], kiu certe scias pri la stacio, sed li estis senscia kaj konsilis al mi informiĝi en la kongresa redakcio.
Tie oni ne nur sciis nenion sed ankoraŭ komentis mian incitiĝon pro la „inform-manka informejo", ke nur mi estas malkontenta pri la aranĝo kaj ĉiuj ceteraj estas ravitaj de ĝi. Finfine mi sukcesis trovi la radioamatoran stacion sur la sama etaĝo en vestibla kafejo...

☆

Por la kunsido de radioaŭskultantoj (AERA) oni disponigis ne sufiĉe grandan ĉambron, ankoraŭ plenplenan de vicigitaj tabloj, tiel ke kelkaj „surprize" multaj interesitoj devis stari en kaj malantaŭ la pordo kaj mi mem ne povis instali mian magnetofonon cele al la sonbendigado, kiun mi faris en aliaj kunsidoj por redaktoro Emil Vokal de Radio Aŭstria Internacia. Malbonŝance por la libera fluo de informoj ene de la movado, sed ankaŭ domaĝe por niaj arkivoj!

Sławomir RUSZKIEWICZ

# Ne ĉio planita realiĝis

## Kio krome okazis (aŭ ne) dum la UK en Prago

**Dum la Universala Kongreso en Prago okazis krom aliloke menciitaj eventoj kompreneble ankaŭ aliaj, interesaj por niaj membroj. Sed - ho ve! - kelkaj antaŭviditaj aktivaĵoj ne realiĝis...**

Inter tiuj estis, ekzemple, partopreno de TEĴA en la unuafoja Faka Giĉeto. La estraro ja zorgeme preparis por tio materialon – afiŝeton kaj specialajn flugfoliojn. Sed, fronte al la fakto, ke la asocio kaso suferas ftizon ekstreman, la sama estraro tuj komence de l' UK devis nuligi la partoprenon en la Faka Giĉeto – ja la indikoj sur la flugfolio jam ne povus validi por la estonteco... TEĴA do maltrafis tiun novan ŝancon.
Tamen, post naskiĝo de savofondaĵo, la prezidanto metis la stoketon da flugfolioj en la giĉeto de *Monato*, esperante ke eble revalidiĝos la informoj flugfoliaj. Krome li ne volis reporti hejmen tiom da papero... Kaj efektive, homoj, kiuj kolektas ĉian senpagan materialon, forprenis preskaŭ komplete la foliojn.

☆

Okazis kunvenoj de legantoj de *Esperanto* (de UEA), de *Eventoj*, *Kontakto*, *Litova Stelo* kaj *El Popola Ĉinio*. Pro la ĉiamaj koincidoj de programeroj, via raportanto sukcesis ĉeesti nur tiun de *Esperanto*. Nenio ekscita okazis dum ĝi. Redaktoro István Ertl klarigis, ke en redaktado de la revuo li ne suferas cenzuron, kvankam kompreneble li devas atenti la interesojn de UEA.

☆

Por la unua fojo UEA-estraranino Michaela Lipari, kiu respondecas pri kulturo, kunvokis redaktorojn de E-gazetoj. Ŝi klarigis, ke UEA estas preta, helpi al redaktoroj kaj petis pri tio deziresprimojn. Montriĝis, ke unu el la gravaj problemoj de redaktoroj – precipe de organoj de landaj asocioj – estas akiro de aktualaj informoj pri la E-movado. Ofte geredaktoroj devas utiligi materialon el *Esperanto* (de UEA), *Heroldo de Esperanto* kaj *Eventoj*, sed tio signifas ke tiaj informoj kutime aĝas jam plurajn monatojn. Krome oni demandis, ĉu UEA povas disponigi movadajn fotojn kaj ĉu ekzistas fotobanko en la Centra Oficejo.
Bruno Masala klarigis al la multnombre ĉeestantaj geredaktoroj la planon, starigi movadan informagentejon en elektronika reto. La demando estos, kiom kostos tiu ĉi servo kaj kiu povos prizorgi ĝin. Lipari promesis, laŭeble helpi por realigi tiun ĉi planon. Plej frue post unu jaro ni scios la rezulton.
Pri fotoj István Ertl klarigis, ke jes ekzistas fotobanko en la CO de UEA kaj ĝi povas disponigi fotojn, se oni mendas ilin kun klaraj indikoj; tamen la CO ne volas diskonigi tion ĝenerale, ĉar mankus homfortoj por elserĉi fotojn, se mendoj venus amase.

☆

Tute novan, vere imponan giĉeton




*Jen la TEĴA-deĵoronto antaŭvidita por la Faka Giĉeto. Li ne devis aktiviĝi. Pro tio kutime oni trovis lin en luj kongresejaj kafejoj kun bongusta Pilzena biero...*

en Prago prezentis Flandra Esperanto-Ligo: en la fono staris grandaj paneloj kun giganta kaj okulfrapa revukapo *Monato*, sendube la plej prestiĝa eldonaĵo de FEL. Krome FEL varbis por la aktualigita versio de Ĉapelilo, ne nur per afiŝo sed ankaŭ per komputileto kun tiu ĉi profesi-nivela redaktoprogramo tute en Esperanto. Ĉapelilo 2.0 furore vendiĝis, pli ol abonoj de *Monato* mem...

☆

Kiel kutime, multaj TEĴA-membroj estis engaĝitaj ne nur en la propra fakasocio, sed ankaŭ en plej diversaj aliaj kongres-formalaĵoj kaj programoj: komitato de UEA, aliaj fakasocioj, Akademio de Esperanto, Kongresa Universitato ktp. ktp. Sed plej kompatinda el ĉiuj TEĴA-anoj sendube estis Ĵak Le Puil, ĉefredaktoro kaj eldonisto de *La KancerKliniko* kaj fama kanzonisto: li devis prizorgi ne nur la kongresan temon (pri ĝi legu aliloke en tiu ĉi numero), sed ankaŭ kunordigi kaj reĝisori la Internacian Artan Vesperon. Tio signifis, ke dum la tuta semajno aŭ li postkuris artistojn aŭ artistoj persekutis lin, kaj ke ekde vendredo tagmezo li ne plu povis manĝi kaj – eĉ pli terure – fumi eĉ ne unu cigaredon ĝis post la fino de l' spektaklo (cetere sukcesa). Se ekzistus premio por la plej suferinta kongresano, Ĵak Le Puil do meritus ĝin...

☆

En sia kabaredaĵo fraŭlino Barlaston menciis ankaŭ TEĴA-prezidanton Stefan Maul. Temis pri listo de personoj, kies nomojn ŝi uzis por rimoj; en kunteksto de amorado la kantistino asertis: „Stefan Maul ne faras kun fraŭl'." Tiu ĉi ne kontestis...

FAKASOCIOJ

## Spegulo de la movado

**Kernas en la tuta agado de Universala Espernto-Asocio (UEA) la roloj de fakasocioj, kiaj TEĴA - tiel profesoro Amri Wandel, UEA-estrarano kun respondeco pri faka kaj scienca agado.**

Wandel, prezidanta dum la UK fak-asocian kunvenon, diris ke la fak-asocioj spegulas la Esperanto-movadon. Ju pli vastaj, ju pli profesiaj la fakasocioj ene de la movado, diris Wandel, des pli fakuloj ekster la movado rekonos la valoron de Esperanto.

Gravas, notis Wandel, ke fakasocioj pretigu terminarojn kaj vortarojn, por ke la ne-esperanta mondo vidu, ke la internacia lingvo kapablas peri eĉ la plej science nuancitajn faknociojn. Tiucele, aldonis Wandel, UEA eventuale disponigos al fakasocioj malgrandajn subvenciojn por antaŭenigi tian laboron.

Wandel laŭdis tiujn asociojn – inkluzive de TEĴA – kiuj aktivis dum la jaro. Poste prezentis sin la fakasocioj: unue, kaj pli vaste, la novaj asocioj (ekz. asocio de handikapitoj); tiam, pli koncize, la jam establitaj.

Paul Gubbins, vic-prezidanto de TEĴA, atentigis pri la graveco de la asocio por ĉiu fakasocio, kiu eldonas revuon aŭ bultenon. „Mi forte rekomendas" – diris Gubbins – „ke redaktoroj de viaj revuoj, kaj kontribuantoj al tiuj revuoj, aliĝu al TEĴA. Nia asocio povas konsili, trejni kaj ĝenerale kontribui al pli alta nivelo de la Esperanta gazetaro."

PPG

SEMINARIO

## Amuza ... kaj valora

Kio okazas, kiam la prezidanto de via Esperanto-asocio fariĝas volapukisto, kiam membroj priĵetiĝas de kukoj bakitaj de fidela kaj multjara subtenanto de la grupo,

TREJNKURSO

## Gratulon al unuaj sukcesintoj!

Anonciĝis dum la jarkunsido de TEĴA la nomoj de la unuaj sukcesintoj en la trejnkurso de TEĴA lanĉita antaŭ 18 monatoj.

Trapasis la kurson kun honoro (t. e. kun pli ol 70 %) **Roland Rotsaert** (Belgio), **Gilbert Ledon** (Brazilo), **Sten Johansson** (Svedio) kaj **Károly Juhász** (Hungario).

La TEĴA-prezidanto, Stefan Maul, gratulis la sukcesintojn kaj dum aplaŭdo prezentis atestojn pri sukcesa kompletigo de la kurso al Rotsaert kaj Ledon. La aliaj sukcesintoj, kiuj ne partoprenis la Universalan Kongreson, ricevis perpoŝte siajn atestojn.

(Postkongrese aldoniĝis plia sukcesinto: Mao Zifu, Ĉinio.)

Por certigi la daŭran sukceson de la trejnkurso nepras pli da kompetentaj docentoj kapablaj konsili studantojn kaj kontroli ties ekzercojn.

Aktuale atendas ĉ. 60 interesatoj el ĉiuj mondopartoj, kiuj volas komenci la kurson. Docento-manko signifas, ke la plimulto devos pacienci ĝis en la venontan jarmilon, antaŭ ol TEĴA povos plenumi la dezirojn de ĉiuj. PPG

kaj kiam ekstere preskaŭ uragane ŝtormas?
Jen la problemo ĵurnaliste solvota de partoprenintoj en la trejno-seminario organizita de TEĴA dum la UK en Prago. Seminarianoj – inter ili fakuloj, trejnkursanoj, kaj nuraj interesatoj – devis raporti pri la supra okazintaĵo, kvazaŭ ili verkus por nacia Esperanto-revuo. Ili ricevis bazajn faktojn ordigotajn laŭ graveco kaj prezentotajn en taŭga, legebla, ĵurnalista stilo.
Gvidis la seminarion Paul Gubbins, respondeculo pri la trejnkurso de TEĴA. Gubbins aparte atentigis pri la signifo de la titolo – por kapti la atenton de la leganto – kaj de la unua, enkonduka alineo – por reteni ties atenton.
La proponoj kaj provoj de la ‚raportistoj' skribiĝis sur blanka tabulo kaj diskutiĝis, poluriĝis kaj finfine aprobiĝis – aŭ ne – de la partoprenintoj.
Kvankam labor-sesio, la iom absurda situacio senpezigis la etoson, kaj poste pluraj seminarianoj favore ‚raportis' pri la sesio.
PPG

☆☆☆

*Aldona komento de observanto:* Evidente la eksperimento de trejnseminario dum UK principe sukcesis. Montriĝis tamen, ke la horo en malfrua posttagmezo ne estis tre taŭga por tia laboriga sesio: kongresanoj jam estis iom lacaj, kaj eble ankaŭ pro la malfavora horo ne venis tre multaj (ĉ. 15). Estonte do ni devos atenti, ke seminario okazu prefere antaŭtagmeze, ĉu dum UK ĉu dum alia kunveno.
sm

# Protokolo de la membrokunveno 1996

Protokolo de la kunsido de la membrokunveno de TEĴA, Prago, 1996-07-22, 10h30 - 12 h, salono Pumpr

1. Malfermo de la prezidanto
La prezidanto, Stefan Maul, salutis la kunvenon, menciante Pragon kiel urbon de ĵurnalistoj kun speciala aludo de la *Praga Tagfolio*, de la kulturo de la tradicoj ĉeĥa, germana kaj juda, enkorpiganta la liberecon kaj progreson.
1.1. Elekto de protokolanto: Li proponis kiel protokolanton Yamasaki, kion aprobis la ĉeestantoj; tiuj ĉi pruviĝis esti 45 personoj, inkluzive de 23 membroj.
1.2. Kompletigo aŭ akcepto de la tagordo: Ĝi estis aprobita kun aldono de diskuto pri starigo de datumbazo de novaĵoj.
2. Agadraporto de la estraro, kasraporto
La prezidanto atentigis la ĉeestantojn pri apero de agadraporto en la lasta *Internacia Ĵurnalisto*. La diskuto poste koncentriĝis al la financa malfacilo de la asocio. Tro da okupiteco de nia kasisto, Paul Peeraerts, devigis lin submeti eksiĝon al la prezidanto tuj antaŭ tiu ĉi kongreso, kaj ni ne povas scii la situacion detale, krom tio ke en la kaso de la asocio ne restas mono por publikigi plian numeron de la organo. La kasraporton do la estraro ne povas fari.
La prezidanto montris du eblecojn: a. malfondi la asocion aŭ b. rezigni pri la revuo. Por la membraro reduktiĝinta de 130 al 80 la revuo estas lukso. Anstataŭ ĝi ni povus havi ekz. 2 fojojn jare cirkuleron kun jara almanako antaŭ la jarkunveno. Por kompenso, oni devus malaltigi la kotizon de DEM 30 al ekz. DEM 15. Bezonoj por la asocio sin trovas: nia trejnkurso eksplodas, intereso pri la kunveno rimarkiĝas. Ni devas daŭre ekzisti. Kion opinias la ĉeestantoj?
Boulton: Tio estas saĝa kompromiso. En 1-2 jaroj la cirkonstancoj pliboniĝus.
Rotsaert: De la biblioteka vidpunkto, la titolo de la periodaĵo estu ne ŝanĝita, se la formato estus modifita.
Ledon: La legantoj pagos la kotizon; ni ne bezonas kotizredukton.
Pettyn: Konsentas, sed eĉ sen organo, Pola Radio povas komuniki TEĴA-informojn.
Korĵenkov: La trejnkurso estas sukcesa, la kunveno estas sukcesa. Revuo ne gravas. Ne estas malbona la situacio, krome ni havas aliajn kampojn: terminologio, datumbanko.
Maul: Gazeto ne estas la ĉefa afero. Tamen ni devas eldoni la 4an numeron, por kiu ni jam kolektis la kotizon. Mi petas, ke la membroj lasu la aferon al la estraro, ĉar la reala situacio ankoraŭ ne estas klara.
Estis voĉdonita pri la propono de la estraro de cirkuleroj (povus esti 2 cirkuleroj plus 1 almanako). Rezulto 19 por, 1 kontraŭ, neniu sindeteno. Aprobita.
2.2. Raportoj de landaj sekcioj
a. Pola: Kosieniak raportis ke la pola sekcio stabile aktivas kaj tenas konstantan kontakton kun la estraro.
b. Rusa: Korĵenkov: 1) La sekcio organizis laborkunvenon pri informado kadre de la Ruslanda Esperantista Kongreso (Tjumeno, okt. 1995) kaj kelkajn aranĝojn en 18a Urala Esperantista Renkonto (Jekaterinburg, apr. 1996). 2) En aprilo 1996 pretiĝis la ruslingva versio de la dosiero por ĵurnalistoj de S. Maul, kiu nun estas je dispono por interesiĝantoj kiel lasera elprintaĵo (kopiebla surloke) aŭ fotokopio. 3) Daŭras bibliografia laboro.
2.2. Aprobo de japana sekcio. Aprobita.
3. Raporto de l' arbitracia komisiono (Ertl)
Ekokazis la afero kiam Bernard Golden sendis al prezidanto manuskripton por IĴ asertantan, ke Nikolao Stepanov ŝtelis monon de la ruslanda asocio kaj ke li estu eksigita de la asocio. La komisiono pensas ke temas pri civiljura afero, ne ĵurnalisma, kaj ke ĝi ne koncernas la kompetenton de la komisiono.
Voĉdono: 16 por la konkludo de la komisiono, 2 kontraŭ, 3 sindetenoj. Aprobita.
4. Senŝarĝo de estraro kaj kasisto
La kasisto estis ekskluzivita, ĉar mankis lia raporto. La cetera estraro estis senŝarĝita per 11 por, 1 kontraŭ kaj 4 sindetenoj.
Estis aprobita ke Yamasaki alprenu la funkciojn de kasisto.
5. Aprobo de l' budĝeto
Sen materialo, oni ne povis diskuti.
6. Raporto pri trejnkurso por

ĵurnalistoj (Gubbins)
Detala raporto estis en IĴ. Nun ni havas 62 mendintojn, ne nur en Eŭropo sed en Afriko, Hindio, dum nur 4 plus 1 docentojn: Gubbins, Maul, Georgiev, Green kaj Le Puil. Ni bezonas 6. Ĉu iuj el la ĉeestantoj kaj membroj rekomendos sin aŭ aliajn?
Green: Mi povus trovi 2.
Demando: Krom koresponda, ĉu oni povas okazigi klasojn?
Respondo: Oni povas utiligi UK, kiel ni faros en tiu ĉi UK.
Demando: Ĉu oni ne povas organizi kursojn kunlabore kun alia asocio, ekz. la Sarlanda?
Maul: Ne, oni ne povas fari ambaŭ.
Pettyn: Kazoj varias de unu al alia; oni ne povas raporti ĝenerale.
Gubbins: En 1 kaj duono da jaroj post la starto ni sukcesis. Ni jam havas 4 sukcesintojn: Rotsaert, Ledon, Károly Juhász kaj Sten Johannson.
Poste Maul donis al la du ĉeestantoj Rotsaert kaj Ledon diplomon meze de aplaŭdo.
7. Diskuto pri „Kultura valoro de l' varo gazetaro“ rilate al kongresa temo „Kulturo: valoro aŭ varo?“
Pro la manko de tempo ne povis diskuti.
8. Diversaj
a. Starigo de datumbazo de novaĵoj, proponita de Bruno Masala, raportita de Korĵenkov pro foresto de la proponinto.
La movado ne havas sian propran informagentejon. La propono celas plenigi la breĉon per kreo de datumbazo. Ni starigu centrigitan informbankon sub sekreta TTT-adreso ŝanĝanta por sekureco, al kiu kotizpagantoj solaj povas aliri.
Szilvási kontraŭis, dirante ke gravas tio kiuj provizos novaĵojn. Estas dubeble, ĉu tiuj kiuj havas novaĵojn kunlaboros, jam ni havas malsukcesintan ekzemplon.
Pettyn: Estas pli bone utiligi jam ekzistantajn.
Estas proponita kreo de laborgrupo estrita de Masala sub la nomo de TEĴA, al kiu Szilvási kunlaboros.
Voĉdonis, rezultis 17 por, neniu kontraŭ kaj 1 sindeteno. Aprobita.
b. Terminologio (Korĵenkov)
La eklaboro prokrastiĝis pro tempomanko, sed ĉi-printempe komenciĝis kribrado de la haveblaj vortaroj kaj terminaroj (PIV, Komputika Leksikono, Deklingva Manlibro pri Politiko kaj Manlibro pri Ĵurnalismo). Dezirantoj kunlabori anoncu sin.
Rotsaert: Estus bone se ni kunlaboros kun Bernhard Pabst.
Fino
Protokolinto: YAMASAKI Seikô

## *Gratulon al Paul Gubbins!*



Vicprezidanto de TEĴA, Paul Gubbins, gajnis la ĉi-jaran OSIEK-premion pro sia lernolibro *Kunvojaĝu*, entuziasme laŭdita en ĉiuj ĝis nun aperintaj recenzoj. Ni kore gratulas!
Ŝajnas, ke TEĴA-anoj abonis tiun ĉi premion – pasintjare estis nia membro Donald Broadribb, kiu gajnis ĝin...

---

E-MOVADO

# Ek al centra informbanko

**Projekto de centrigita informbanko pri la esperanto-movado**

**1. Kion ni faros**
Centrigi la informojn pri kaj el la esperanto-movado por liveri ilin al la aliĝintaj redaktoroj (gazet- kaj radio-redaktoroj, landaj asocioj...)
• La freŝaj informoj estos legeblaj nur de tiuj, kiuj aliĝis al la servo kaj pagis sian kotizon (eventuala rabato por la membroj de TEĴA): la TTT-adreso de la freŝaj informoj ne estos diskonigita dum tri monatoj; ĝin konos nur la membroj (kiuj estos informitaj pere de retpoŝta mesaĝo aŭ la adreso sekvos iun sekretan kodon).
• Laŭ la mono, kiun ni havos, ni konservos alireblajn kadukajn informojn (analaoj de la esperanto-movado).
**2. Kiu faros**
Aleksander Korĵenkov, Bruno Masala, Paŭlo Gubbins kaj, se ili konsentas, Andreo Pettyn, Simono Pejno kaj László Szilvási.
**3. Teknikaj necesaĵoj**
• TTT-ejo de 1 Mb
• Uzo de reto dum unu horo ĉiusemajne
Kosto:
• 5 USD ĉiusemajne, t. e. proksimume 250 USD dum jaro.
• 50 USD jare por la TTT-ejo.
Entute: 300 USD jare.

Se vi havas spertojn kaj emas kunlabori, kontaktu:
Bruno Masala
2, rue des Vignes
F-57530 Coincy, Francio

## Konkurso pri simbolo de TEĴA malfermita!




En IĴ 3/96 ni alvokis por konkurso pri simbolo de nia asocio. Efektive, ĝis la membrokunveno en Prago alvenis (nur) unu propono, ellaborita de Grafika Centro de Flandra Esperanto- Ligo en Antverpeno. Pro tempomanko, en la membrokunveno ni povis nek montri la proponon nek diskuti ĝin. Jen do tiu ĉi desegnaĵo.
Kion vi opinias pri ĝi? Ĉu venos pliaj proponoj? Skribu kaj sendu al la redakcio!

# REVUO de revuoj

### Sennaciulo
organo de SAT

Absolutan fuŝkulminon ni trovis en la junia numero sur paĝo 67 en letero. Jen la frazo: „Boris Jelcin, estante prezidanto de Ruslando, estis kaj estas akre kritikata en ĉiuj ruslandaj masmedioj, je ĉiu sia falsa aŭ maltrafa paŝo." – Kio povus esti medio de maso? Evidente, tiu ruslingva esperantisto simple transprenis el angla lingvo „mass media"; pri „amas-komunikiloj" eble li neniam aŭdis aŭ legis. Sed kio pri redaktoro kaj reviziantoj de *Sennaciulo*...?

☆

### La KancerKliniko
En n-ro 78 ĉefredaktoro Ĵak Le Puil defendas televidon kontraŭ kritiko pro malbonaj kaj subnivelaj programoj. Li argumentas: „Ja ĉio tio ekzistas, sed ne nur! Sufiĉas elekti, kaj kiam ne eblas elekti, tutsimple malŝalti! Ĉu vi neniam aĉetas librojn, ĉar multaj estas senvaloraj? Ĉu vi ne abonas gazetojn, ĉar amaso da estas nur rubaĵoj?"

En la sama numero aperas traduko de poemo pri ĵurnalo de usona reportero Stephen Crane, verkita en 1899. Titolo: Ĵurnalo estas aro da duon-maljustaĵoj.

☆

### Esperantisto Slovaka
Reapero – kiel jubilea numero. Jen la paradoksa situacio de 50jara Esperantisto Slovaka, kiu nun ne estas oficiala organo, sed „sendependa gazeto por esperantistoj (ne nur) en Slovakio". Nekutima estas ankaŭ la prezo: „La abonkotizo estas libervola. Tio signifas, ke la gazeton ricevados ĉiu, kiu al la redakcio sendos almenaŭ foje jare libervolan mondonacon, laŭ siaj eblecoj kaj laŭ propra prijuĝo. La libervolaj mondonacoj estos la unusola enspezfonto de la gazeto kaj ĝia kvalito do rekte dependos de Via malavareco." Ni vidos, ĉu tia eksperimento sukcesos. La revuo




en formato A4 teknike estas bone farita, kvankam jen kaj jen oni rimarkas, ke la redaktoro ankoraŭ baraktas pri nova komputila programo. Enhavo estas varia; krom literaturaĵoj ankaŭ troviĝas bona krucenigmo de Marĉek, kiu antaŭ multaj jaroj regule produktis krucenigmojn por *Monato*. Jen la adreso:

Esperantisto Slovaka
Stano Marček
Zvolenská 15, SK-03601 Martin, Slovakio

☆

### Heroldo de Esperanto
kiel ĉiujare ankaŭ en 1996 disponigas senpage sian duoblan kongresan numeron al dezirantoj.

En la n-ro de 15a de junio Enrique Kohei (Casilla Correo 407, AR-2600 Venado Tuerto, Argentino) anoncas, ke li intencas revivigi la revuon *Grajnoj en Vento* sub nova nomo *Infanoj en la mondo*.

☆

### Monato
internacia magazino sendependa

En n-ro 7/96 la redakcio en noto en la rubriko „leteroj" informas, ke „reage al la argumentado de nia legantaro ni rezignas pri eŭroo kaj ekde nun adoptos la eŭr-on". Oni aldonas: „MONATO daŭre restos forumo por tiaj lingvaj diskutoj kaj esperas tiel ludi (g)ravan rolon en la lingva evoluo de Esperanto."

☆

### ESPERANTO
organo de UEA

En la duobla numero de jul/aŭg 96 aperis 4paĝa dosiero „Influo" kun ampleksa materilo „por plibonigi la fluon de informoj pri informado". En detala artikolo Ian Fantom pledas por eldonado de „profesi-nivele produktita novaĵbulteno en Esperanto, verkita en simpla lingvaĵo, kiun eĉ komencantoj komprenus". Tian bultenon devus distribui landaj asocioj; Fantom supozas, ke ĝi povus havi eldonkvanton de 33 000 ekzempleroj.

☆

### VERD-ire
Ne per rekta informo al IĴ, sed per notico en *Eventoj* ni eksciis, ke TEĴA-membro Claude Rouget (provizore) ĉesis redakti kaj eldoni de julio 1995 (!) la ekologian revuon *VERD-ire*. Pro „mankego de tempo".

En *Eventoj* Frank Stephan ofertas por publikigado en gazetoj ses rakontojn, kiujn oni povas preni helpe de lia Internet-adreso, senpage. Novaj eblecoj, novaj servoj!

☆

### Esperantista Vegetarano
Ne nur TEĴA havas problemojn, daŭre eldoni revuon. Ankaŭ la organo de Tutmonda Esperantista Vegetarana Asocio nun aperas nur unu fojon jare – la ĵus veninta eldono de 1996 kun kvarkolora foto front- kaj dorspaĝe. Dum la jaro laŭbezone oni informas la membrojn per LETERO.

☆

### Sano
estas malsana kaj ne plu aperos, kiel komunikas Petr Chrdle en *Eventoj*. Li ĉesis eldoni ĝin, ĉar estis malpli ol 50 abonantoj, kaj rekomendas anstataŭe legi la revuon *Naturkuracado*.

☆

### Liberecana Ligilo
En n-ro 86 aperis recenzo, kiun la redaktoro Gilbert Ledon verkis kiel taskon en la trejnkurso de TEĴA. Jen, duobla utilo.

☆

### Voĉo el Turingujo
En n-ro 2/96 la redaktoro kritikas du „trompo-gazetojn". Li abonis (kaj pagis) *Brazilan Heroldon*, sed neniam ricevis ekzempleron, ankaŭ ne respondon al plendletero. Simile okazis pri *Enigmo*, kiun li abonis jam en 1994, sed ĝis junio

1996 ricevis eĉ ne unu ekzempleron. Karlo Sommer avertas: „Bedaŭrinde ankaŭ en Esperantujo ĉiam denove ekagas fiuloj, kiuj trompas la samideanojn por ricevi de ili monon sen plenumi la deziratajn promesojn. Tial ĉiu samideano publikigu tiujn aferojn por malebligi la daŭrigon de tiaj fiagoj.“
Prava li estas, kaj TEĴA devas forte subteni tian kritikon. Do informu nin, se vi ankaŭ spertis aŭ spertas ion similan.

---

**Solvo de la kvizo en n-ro 3/96 de IĴ:**
**František Vladimír Lorenc / Francisco Valdomiro Lorenz**
Li estis baptita ĉeñe František Lorenc kaj alprenis la nomon Vladimír, kiam li komencis verki pripolitikajn artikolojn. La celo estis eviti konfuzon kun sia samnoma patro kaj ankaŭ ne endanĝerigi lin. En Brazilo li portugaligis sian nomon por faciligi la prononcon: Francisco Valdomiro Lorenz. Portas lian nomon hodiaŭ Spirita Eldona Societo F. V. Lorenz kaj *Almanako Lorenz.*
Gernard GOLDEN

---

RENKONTIĜO KUN LA GEKOLEGOJ

# Biografiaj donitaĵoj de Bernard Golden

**La celo de tiu ĉi rubriko estas prezenti per biografiaj vortportretoj la plej aktivajn membrojn de TEĴA kaj detale reliefigi iliajn kontribuaĵojn al la Esperanta ĵurnalistiko.**


*Bernard Golden en sia kabineto.*

Bernard Golden naskiĝis en Newark, Novĵerzejo, Usono, la 23-an de novembro 1925. Dum multaj jaroj li loĝis en la urbo Novjorko, kie li frekventis lernejojn kaj universitatojn. Li studis fremdajn lingvojn (modernajn kaj klasikajn) kaj arton, ricevis la bakalaŭran universitatan diplomon en 1946. Post kromaj studoj pri antropologio kaj arkeologio, li estis diplomita kiel magistro en 1953.
Li eklernis Esperanton en 1946 en Novjorko kaj „edzperantistiĝis“ en Hungario en 1971. Liaj du filoj, Daniel Lariko kaj David Alko, estas esperantistoj.
Li estas dumviva membro de Universala Esperanto-Asocio kaj funkcias kiel fakdelegito en Veszprém pri arkeologio, esperantologio kaj interlingvistiko. Li estas membro de Akademio de Esperanto kaj okupas la postenon de direktoro de la Sekcio pri Ĝenerala Vortaro.
Post la fino de siaj universitataj kursoj en Usono, li entreprenis post-diplomajn studojn en Meksiko, Anglio, Francio, Hispanio kaj Italio. Li laboris kiel arkeologo en la ĉi-supre menciitaj landoj kaj ankaŭ en Gŭatemalo, Svedio, Orientkaj Okcidentafriko kaj Hungario. Inter 1975 kaj 1985 li oficis kiel arkeologo, muzeologo kaj bibliotekisto ĉe la Muzeo de Bakony en Veszprém, Hungario, ĝis sia emeritiĝo en 1985.
Nuntempe li dediĉas sin preskaŭ ekskluzive al beletra kaj faka verkado en Esperanto kaj jam kontribuis al pli ol 160 Esperantaj periodaĵoj publikigitaj dise en la mondo. Pluraj liaj verkoj estis premiitaj en internaciaj belartaj konkursoj, kaj li fariĝis Majstro de Internaciaj Floraj Ludoj. En 1988 Hungara Esperanto-Asocio honoris lin per memormedalo „Pro Esperanto“ pro altnivelaj literatura kaj interlingvistika agado.
De 1969 ĝis la nuna dato aperis pli ol 1800 artikoloj, studaĵoj, recenzoj, beletraĵoj kaj tradukaĵoj. La plej granda parto konsistas el pritraktoj de lingvaj demandoj. La dua grava temaro rilatas al la historio de la Esperanto-movado. En la sfero de beletro estas originalaj noveloj kaj unuaktaj teatraĵoj, felietono, tradukaĵoj de hungaraj noveloj (kunlabore kun lia edzino Eva) kaj esperantigoj de afrikaj popolrakontoj. Verkoj kaj studaĵoj pri interlingvistikaj kaj planlingvistikaj temoj estas publikigitaj ankaŭ en la angla lingvo en ne-Esperantaj fakrevuoj.
Inter la kvardeko da verkoj jam publikigitaj en la unua triono de tiu ĉi jaro, la sekvaj povas havi intereson por legantoj de IĴ.

**Redakciaj problemoj**

Kiom da redaktoroj, tiom da kapdoloroj. *Le Travailleur Espérantiste.* 1996 marto; 213: 5-7.
Atentigo pri komposteraroj. *Boletín* de la Federación Española de Esperanto. 1996 januaro-februaro; 324: 18-20.

**Lingvaj demandoj**

Raciigo de la prezento de propraj nomoj en Esperantaj tekstoj. *La Verda Proleto.* 1996 januaro; 399: 4-6.
Domaĝe! Ankaŭ Kleopatra kaj Cezaro damaĝas nian lingvon. *Internacia Ĵurnalisto.* 1996; 1: 14-15.
Pledo por la vortformo „eŭro“. *Internacia Ĵurnalisto.* 1996; 2: 12.
Konsiloj por evoluigo de la Esperanta vortprovizo (serio). Unua parto: Novaj esprimoj kaj la funkcio de Pekoteko. *Eventoj.* 1996 – 1/ februaro: 0095: 2. Dua parto: Nek pekoj nek „pekotekaĵoj“ estas sankcieblaj: la kazo de „komputo-

Tiun ĉi numeron de
***Internacia Ĵurnalisto***
donacas al
poligrafo Golden
(kaj al liaj gekolegoj)
YAMASAKI Seikô
kaj
Stefan MAUL

ro" kaj „komputilo". *Eventoj.* 1996 – 2/marto; 0098: 2.
Kial Zamenhof elektis kurba? *La Ondo de Esperanto.* 1996; 1: 18-20.
**Recenzoj**
Malŝlosilo de leksika trezorejo (Etimologia Vortaro de Esperanto, vol. 4: N-R (1995) de Ebbe Vilborg). *Heroldo de Esperanto.* 1996; 4-5: 8.
Enciklopedia konsultlibro pri komputeriko (Komputika leksikono de Sergio Pokrovskij (1995). *Heroldo de Esperanto.* 1996; 1: 4.
**Kvizo**
Kiu estis tiu ĉi pioniro? *Internacia Ĵurnalisto.* 1996; 1: 15- 16 (Temas pri Leo Belmont, pionira esperantista ĵurnalisto.)
**Esperanto-movado**
Popolnombraj statistikoj pri la Esperanta lingvokomunumo – bibliografio de verkoj de Bernard Golden. *Le Travailleur Espérantiste.* 1996 februaro; 212: 11-12.
Esperanto kaj la defendo de minacataj minoritataj lingvoj. *Ruslanda Esperantisto.* 1996 februaro; 2: 1, 5.
Pledo por pli da precizo. *Esperanto.* 1996 februaro; 2: 36-37. (Temas pri sociologia analizo de la Esperanto-komunumo.)
Leo Wiener, la forgesita pra-esperantisto. *Dia Regno.* 1996 januaro; 1: 6-7
Bernard GOLDEN

LINGVO

OPINIO DE AKADEMIANO

# La kazo de Buenos Aires

## Reviziado de la formo de toponimoj

Jam aperis anoncoj en la Esperanta gazetaro, ke la reviziantoj de *Plena Ilustrita Vortaro* (PIV) deziras ricevi de esperantistoj informojn pri mise esperantigitaj toponimoj, precipe la nomoj de urboj. Ĝis nun Akademio de Esperanto ne okupiĝis sisteme pri starigo de listo de ĝustaj aŭ normaj nomoj en tiu klaso de toponimoj, kvankam individuaj Akademianoj kiel mi de tempo al tempo publikigis artikolojn pri specifaj problemoj. Eble en la estonteco tiu normiga laboro estos entreprenita de la Sekcio pri Ĝenerala Vortaro, kies direktoro estas mi. Efektive, nuntempe la Sekcio okupiĝas pri la esperantigo de Alsace/Elsaß, ĉar ekzistas manko de akordo eĉ inter esperantistoj de la koncerna regiono. Ĉiuokaze, ankoraŭ ne petis Akademian kunlaboron nek la respondeculoj pri reviziado de PIV nek SAT mem.
Por doni ekzemplon de la maniero trakti urbonomon kun pluraj formoj, mi analizos la kaosan asimiladon de Buenos Aires, la ĉefurbo de Argentino. Jen kvin variaĵoj
1. Bonaero (*Monato*, 1/1996, p. 8)
2. Bonaeroj (*Internacia Lingvo*, 3/1990, p. 4)
3. Buenos-Ajreso (PIV, 1970)
4. Bajreso (Rikardo Ŝulco, *Leksara kolekto de ofte uzataj propraj nomoj*, 1989)
5. Bŭenosajreso (mia propono)

Por povi decidi, kiu nomformo plej konvenas en Esperanto, estas necese informiĝi pri la historio de tiu toponimo. La hispana esploristo Pedro de Mendoza, vojaĝante al la Nova Mondo kun ŝipanaro el Seviljo, en la jaro 1536 fondis la unuan hispana setlejon en Argentino sur la norda bordo de Riachuelo, rivereto enfluanta en la riveron Laplato. La patrona sanktulino de la maristoj nomiĝis hispanlingve Nuestra Señora Santa María de Buen Aire (Nia Sinjorino Sankta Maria de Bona Vento). Laŭ la kutimo de la epoko, la nova havenurbo ricevis la tre longan nomon Puerto de Nuestra Señora Santa María de Buen Aire (Puerto = haveno). El tiu vorte tro ŝarĝita titolo poste restis nur la lastaj du vortoj, kiuj ricevis pluralan formon: Buenos Aires (= bonaj ventoj).
La vorto aire en la hispana lingvo havas du signifojn: 1. aero, 2. vento. En la historia kunteksto de urbo fondita de maristoj, nur la dua signifo estas ĝusta: buenos aires estas la bonaj, malantaŭaj aŭ dorsaj ventoj, kiuj venigas ŝipon en havenon. Homoj, kiuj ne scias tion, donas al la argentina ĉefurbo la eraran titolon „urbo en bona aero aŭ bona klimato", kaj ili tradukas ĝin en Esperanton per „Bonaero" aŭ „Bonaeroj".
Mi mem preferas la nomformon registritan en PIV kun du modifoj. En „Bŭenosajreso" la uzo de „ŭ" anstataŭ „u" donas la ĝustan hispanan prononcon al la unua silabo, kaj forigo de la ligostreko inter la du partoj de la nomo estas pravigebla, ĉar nek „Bŭenos-" nek „Ajres-" estas Esperantaj morfemoj.
Bernard GOLDEN

KRUC-KVIZO

# Gazetara historio en Esperantujo

**Ofte en Esperantaj periodaĵoj aperas krucvortenigmoj. Nun prezentiĝas kruc-kvizo, en kiu la donitaĵoj en la demandoj kaj respondoj interkruciĝas, t. e. ili havas interrilatojn. Provu identigi la homojn, kiuj estas pritraktitaj en ĉiu demando.**

**DEMANDOJ**

1. Plurfoje mecenatoj subtenis la Esperantan gazetaron. D-ro Zamenhof fariĝis la unua salajrata ĵurnalisto en la historio de Esperanto dank' al germana mineja termezuristo, kies financa apogo subtenis eldonadon de *La Esperantisto*. Kiu li estis?
2. Kvankam fine de la 19-a jc. Esperanta gazeto ne povis esti eldonita en la rusa imperio pro cenzuro, tamen tie loĝis dua mecenato, kiu inter la jaroj 1985 kaj 1898 kontribuis monon por ebligi publikigadon de *Lingvo Internacia* en Svedio. Kiu estis tiu ruso, kiu estis kemiisto laŭ profesio?
3. Kunfondinto de *Lingvo Internacia* estis juna sveda studento el Upsalo. Dum vojaĝo en Rusio en 1895, li vizitis la kemiiston menciitan en la antaŭa demando, kaj ili decidis, pro la ĉeso de *La Esperan-*

*tisto*, kune lanĉi la novan gazeton. Kiu estis tiu studento?

4. *Lingvo Internacia* estis redaktita en Svedio fare de profesia sveda ĵurnalisto, kiu ricevis financan helpon de du mecenatoj; la unua estis la ruso en demando 2, kaj la dua estis svedo, Hjalmar Bäckström. Kiel nomiĝas la redaktoro?

5. Pro manko de monrimedoj, *Lingvo Internacia* troviĝis en kriza situacio en 1898. En tiu jaro hungara presisto komencis korespondi kun la redaktoro de la gazeto, kaj li proponis transpreni la ŝarĝon de la eldonado. Kiu estis tiu presisto-esperantisto?

6. La hungara eldonanto de *Lingvo Internacia* ne estis la sola presisto-esperantisto en la historio de Esperanta ĵurnalismo. Tiutempe en Francio sammetiano fondis la revuon *Esperanto* en 1905. Kiu estis tiu viro, kies individua nomo estas la sama kiel tiu de la redaktoro en demando 4 kaj la presisto en demando 5?

7. En 1904 *Lingvo Internacia* devis ankoraŭfoje translokiĝi, ĉar la Hungara Presindustrio malfaciligis la agadon de provincaj presistoj. La nova eldonloko estis Parizo, kaj la hungara presisto elmigris al Francio por daŭrigi sian laboron. En Parizo en 1906 ekaperis nova periodaĵo, *La Revuo*, publikigita de la prestiĝa franca eldonejo Hachette. Kiu estis la matematikisto kaj profesoro pri mekaniko, kiu fondis kaj redaktis ĝin?

8. Post la unua mondmilito Hachette ne plu interesiĝis pri publikigo de *La Revuo*. En la dudekaj jaroj ĝian lokon prenis *Literatura Mondo* en Hungario. Ebligis la eldonadon financa apogo de hungara esperantisto. Kiu estis tiu tre fama mecenato?

9. La unua periodo de *Literatura Mondo* daŭris ĝis 1926. En 1931 ĝi estis refondita de Vilmos Bleier, kiu funkciis kiel eldonisto kaj administranto. Unu el la redaktoroj dum la dua periodo de *Literatura Mondo* estis hungaro, kiu elmigris al Svedio en 1938 kaj tie fondis tre gravan kulturan revuon. Kiu estis tiu hungaro, kiu ludis gravan rolon en Esperanto-ĵurnalismo en Svedio?

10. La kvizo komenciĝis en Germanio kaj ĝi finiĝas samlande kun demando pri tria presisto-esperantisto. Post la unua mondmilito li lanĉis sendependan, neŭtralan internacian gazeton, kiu post unu nomŝanĝo kaj pluraj ŝanĝoj de eldonloko, ankoraŭ regule aperas hodiaŭ. Kiu fondis tiun gazeton?

**RESPONDOJ**

1. Wilhelm Heinrich Trompeter, kiu laboris en Schalke, Vestfalio, Germanio, kovris la kostojn de eldonado de *La Esperantisto* dum tri jaroj (1892 – 1894). Li ĉesigis sian mecenatecon, ĉar d-ro Zamenhof ne akordis kun li pri reformoj en Esperanto. La lasta eldonjaro de *La Esperantisto* estis 1895, ĉar la rusa cenzuro malpermesis, ke ĝi eniru en la rusan imperion, kie tiutempe loĝis tri kvaronoj de la tuta abonantaro.

2. Kemiisto Vladimir Gernet estis la direktoro de vinberinstituto apud Odeso en suda Rusujo. Li estis aktiva esperantisto, kiu esperantigis ruslingvajn beletraĵojn kaj kunlaboris kun la redakcio ne nur de *Lingvo Internacia* sed ankaŭ de *La Esperantisto* kaj *L'Espérantiste*. Li elrusigis la faman leteron de d-ro Zamenhof al Nikolaj Borovko, temantan pri la deveno de Esperanto.

3. Valdemar Langlet estis pionira esperantisto en Svedio. En 1891 li kunfondis la Esperanto-klubon en Upsalo kaj estis ĝia prezidanto inter 1892 kaj 1899. Li multe vojaĝis kaj faris la unuan esperantistan viziton en Rusujo. Kune kun sia samlandano en demando 4 li prizorgis la redaktadon kaj administradon de *Lingvo Internacia*.

4. Paul Nylén estis la redaktoro de *Stockholms-Tidningen*, tagĵurnalo en la sveda ĉefurbo. Li ĉefredaktoris ankaŭ gazeton de la svedaj policanoj. Lia kunlaboro por *Lingvo Internacia* komenciĝis ekde ĝia apero en 1895, kaj li estis la redaktoro inter 1897 kaj 1901.

5. Pál (= Paŭlo) Lengyel fariĝis presisto en 1883 kaj starigis sian presejon en la provinca hungara urbo Szekszárd. Inter la jaroj 1900 kaj 1904, je sia propra risko, li eldonis kaj dum kelka tempo okupiĝis pri redaktado de *Lingvo Internacia*.

6. La anarkiisto Paul Berthelot nelonge redaktis sian revuon *Esperanto*. Post dujara baraktado, li vendis ĝin en 1907 al Hector Hodler, kiu en 1908 establis ĝin kiel la organon de Universala Esperanto-Asocio kaj redaktis ĝin ĝis 1920, kiam li mortis.

7. Carlo Bourlet fondis la plej gravan literaturan periodaĵon de la jardeko antaŭ la unua mondmilito. *La Revuo* aperis monate dum ok plenaj jaroj de septembro 1906 ĝis aŭgusto 1914. Inter ĝiaj kontribuantoj estis la plej eminentaj esperantistoj de tiu periodo, inkluzive de d-ro Zamenhof.

8. Teodoro (Tivadar) Schwartz estis advokato en Budapeŝto, kiu en 1922 fondis kaj eldonis la revuon *Literatura Mondo* kaj estis ĝia respondeca redaktoro de 1922 ĝis 1924. Poste Hungara Esperanto-Instituto transprenis la eldonadon ĝis 1926, kiam ĝi ĉesis aperi. La redaktoroj de tiu unua periodo de *Literatura Mondo* estis Kolomano Kalocsay kaj Julio Baghy.

9. Ferenc Szilágyi estis oficisto, kiu aktivis en la hungara Esperanto-movado, verkante originalaĵojn, tradukante kaj instruante. En 1955 li fondis en Svedio la prestiĝan revuon *Norda Prismo* kaj estis ĝia redaktoro dum dek du jaroj ĝis sia morto en 1967. *Norda Prismo* estis bone presita, ilustrita periodaĵo, kiu aperis sesfoje en la jaro. Kelkaj provoj revivigi ĝin post la unua periodo ne havis sukceson.

10. Teo Jung lernis la metion de presisto de sia patro. Inter 1920 kaj 1925 li eldonis la gazeton *Esperanto Triumfanta* apud Kolonjo, Germanio. En 1925 ĝi ricevis la titolon *Heroldo de Esperanto*. Aktuale ĝi estas eldonata en Italio, kie Ada Fighiera Sikorska redaktas ĝin.

Bernard GOLDEN

Tiun ĉi numeron de
***Internacia Ĵurnalisto***
donacas al vi
YAMASAKI Seikô
kaj
Stefan MAUL

# Por finkorekti siajn tekstojn, kian tekstigilon hodiaŭ uzus



Dro L. ZAMENHOF
VARSOVIO
str. Dzika № 9

# ?

Evidente iun kun profesia Esperanto-literumilo.
Evidente iun kun perfekta Esperanto-dividilo.
Evidente iun kun dekoj da Esperanto-tiparoj.
Evidente iun kapablan enŝovi grafikaĵojn.
Evidente iun kun senkosta konsilada lineo.
Evidente iun jam plurcentoble venditan.

Evidente iun kia ...

# Ĉapelilo 2.0

Por Vindozoj 3.11, 95 (kaj J)
Prezo: 250,- DEM/5130 BEF + afranko
Mendebla ĉe FEL - poŝte, telefone, fakse, rete

Flandra Esperanto-Ligo
Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen
Telefono: + 32 3 234 34 00
Telekopiilo: + 32 3 233 54 33
Reto: FEL@knooppunt.be
Informpaĝoj: http://www.knooppunt.be/~fel